Año XII N.° 4 (122) JULIO-AGOSTO 1960




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

**Placo de Mugartegui el Pontevedra**

*Blazonitaj domoj, kasteloj, estas trovataj ĉie. Oni klopodas ĉiam ne detrui la mezepokan aspekton de la antikva kvartalo de nia urbo; ni agas tiel, kaj por plezuro nia kaj por la plezuro de niaj vizitantoj.*

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio:
Str. Marqués de Caro, 6
VALENCIA (Hispanujo)

Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Guillem - Str. Marqués de Caro, 6
Valencia (Hispanujo)

Ĉiuj membroj de HEF ricevas unu ekzempleron.
Membreco: 25, 60, 100, 150 pesetojn, jaro.
Eksterlandaj abonoj:
Minimume, 60 pesetojn, por tutjara abono.

Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortojn aŭ frakcio.
Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.

# UNESCO kaj ESPERANTO

La altecelaj laboroj de UNESCO trovis, dekomence, taŭgan ilon ĉe la Universala Esperanto-Asocio, tiel ke ĉi lasta fariĝis kunlaboranto de la supera porkultura organizo.

En 1954, UNESCO agnoskis la kulturan valoron de Esperanto kaj ĝian porpacan meriton. Plie, ĝi rekomendis al la asociaj Ŝtatoj la kuraĝigon de Esperanto.

Kvankam tiu decido estis honorplena, mankis la efika devigo por tutmonda instruado kaj uzado de la internacia lingvo —unua ŝtono por konstrui la veran kaj daŭran pacon— inter la nacioj.

Iom post iom la forto de la vero renversas ĉiujn barojn, kaj, denove, UNESCO aperigas duan decidon: La jarcenta datreveno de la naskiĝo de Dr° Zamenhof devas esti celebrata, dum la nuna jaro, en ĉiuj asociaj Ŝtatoj. Jen kial la «Comisión Española de colaboración con la UNESCO» sin turnis al ni por demandi kiel ni pensis celebri tiun gravan okazintaĵon. Ni respondis akurate citante la diversajn publikajn privatajn solenaĵojn, per kiuj la memoro de Dr° Zamenhof estis honorata. Sed ni sugestis ke plej bona okazo por pompe plenumi la UNESCO-sugeston estos la Pontevedra Kongreso, kie ni ĉiuj, en kunlaboro kun reprezentantoj de la internacia organizo, povos omaĝi dece la elstaran figuron de la Fondinto de Esperanto.

Jen, do, karaj kongresanoj, la alta signifo de nia 21ª kongreso. Ĝi havos tute novan kaj kontentigan karakteron: De nun, Hispana Esperanto-Federacio kunlaboros kun UNESCO!

# JEN LA SEKRETARIO

Kiam ĉi tiu numero de «Boletin» alvenos en la manojn de niaj membroj, multaj el ili jam estos plene dediĉitaj al la lastaj aranĝoj de la vojaĝo al Pontevedra por partopreni la Hispanan Kongreson.

Vere, la kongreso estas la plej grava manifestado de la esperantistaro en nia lando, preskaŭ la sola manifestado, kaj ĉiuj kiuj povas partoprenas ĝin, ĉu ĝi okazus en la sudo aŭ en la nordo.

La kongreso, krom turismo, signifas laboron por konsciaj esperantistoj, kaj ĉijare, apud abundaj kaj alloge amuzaj programeroj, ni havas interesajn taskojn, pri kiuj ni devas diskuti kaj decidi.

Unu el la taskoj estas la ŝanĝo de la regularo. La ŝanĝoj jam estas ellaboritaj kaj pretaj por submeti ilin al la konsidero de la ĝenerala kunsido. Sugestojn, krom tiujn proponitajn en la Malaga kongreso, ni ne ricevis, sed estas certe ke en la kongreso ankoraŭ estos proponataj aliaj novaj.

Alia tasko, ĉiam tikla, estas la revizio de la kotizoj. La enspezoj de la Federacio, kiuj konsistas precipe el la kotizoj de la anoj, ne sufiĉas por la nunaj bezonoj, kaj kvankam tiuj kotizoj estas tre malaltaj, kompare kun aliaj societoj, ĉu lokaj ĉu naciaj, tamen, ni insistu mil fojojn, estus preferinde ke ĉiuj esperantistoj helpu, anstataŭ pligrandigi la strebadon de kelkaj.

Jam estas tempo por doni al nia malfortika Federacio la rangon konvenan al tutlanda organizaĵo kaj tiun rangon ni ne povas atingi per nia nuntempa budĝeto, nek per nia malgranda nombro de membroj, kiu certe ne kunigas eĉ kvarono de la tuta hispana esperantistaro.

Pri tiuj du aferoj supre menciitaj kaj pri aliaj, ni devas fari decidon kaj ni esperas ke tiu decido ne estu lasata al improvisado dum la kunsido, sed ĝi estu frukto de antaŭdiskutoj en la kerno de la grupoj, de kiuj, ni opinias, devas veni la solvo de multaj problemos de la Federacio.

Ĝis revido en Pontevedra.

ANGEL PÉREZ
*Sekretario de HEF*

# Seamos prácticos

Nunca han creído los más fervorosos esperantistas que el solo hecho de que todos, en el mundo, lleguen a saber Esperanto, bastará para que desaparezca la enemistad entre los pueblos, y que la tierra será, entonces, un paraíso.

Pero, lo que sí creemos, y a pie juntillas, es que, entre otras cosas imprescindibles para llegar a la deseada armonía internacional, uno de los primeros peldaños, si no el primerísimo, es la comprensión idiomática, como introducción a un clima de tolerancia, estimación y, finalmente, de amistad.

Recientemente, con motivo de las visitas de Jefes de Estado a países distintos, hemos podido comprobar que en materia de conversaciones, seguimos en el mismo plan que hace varios siglos. El, o los intérpretes, van desgranando al oído del interlocutor lo que va diciendo el oponente, con los inconvenientes propios de la improvisación, la deficiente captación, y, sobre todo, la diferencia de nivel dialéctico entre el político y el intérprete.

Y todo esto, cuando se trata de conversaciones que pueden tener una trascendencia enorme, refleja la notoria insuficiencia, inadecuación y fosilización del método aún en uso, y que está reñido cou las maravillosas conquistas de la ciencia en otros aspectos de la vida. Tener que aprender tres o cuatro idiomas, para estar medianamente armado para andar por el mundo, no es solución práctica para este problema, ya que, por bien que se sepa un idioma extranjero, nunca se sabe como el propio, y tener que argüir contra alguien en un idioma que no es el nuestro, es darle una superioridad dialéctica envidiable.

Y sin embargo, el engorroso problema está sobradamente resuelto desde hace varias décadas. Próximamente, unos tres mil esperantistas, procedentes de más de cuarenta países, en los cinco continentes, se reunirán en Bruselas para verificar su congreso anual. Y el mundo entero podrá comprobar con qué sencillez y armonía tienen lugar las sesiones, las manifestaciones artísticas y las conferencias científicas. ¡Qué lección para quienes quieran ver, oir... y aprender!

# RAPORTO DE LA ESTRARO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO PRI LA LABORPERIODO JULIO 1959 - JUNIO 1960

Dum la periodo pri kiu ni raportas ĉi tie, kaj konsekvence de la Zamenhof-jaro kun siaj specialaj aranĝoj, estis granda svarmo inter la esperantistaro. La junularo ekiris kuraĝe en nian landan Esperanto-movadon pere de la Junulara Sekcio; la fervojistoj aktive pretiĝas por la Internacia Kongreso de Fervojistoj, dum 1961; multaj novaj membroj alvenis en niajn vicoj; la granda publiko pere de la multenombraj prelegoj, ekspozicioj kaj artikoloj sur ĵurnaloj kaj revuoj ekscias pri Zamenhof kaj pri Esperanto; la estraro ne restis for de tiu svarmo, kaj zorgis pri la pliboniĝaj ŝanĝoj de la regularo kaj pri aliaj normoj, por interna organizado, kiuj, se ne plene sukcesis, montris la deziron pri renoviĝo kaj plibonigo.

Vere, ni povas fieri priprogresiga laborperiodo por Esperanto en nia lando; tamen, ni devas agnoski ke niaj streboj ne plene efikis, pro manko de forta unueco, kiu eĉ foje nuligas ilin,

Multaj esperantistoj—aktivaj—ne apartenas ankoraŭ al la Federacio, ĉar kvamkam ili estas membroj de Grupoj, ne ĉiuj grupoj kunlaboras kun la Federacio, kiel estas necese; tial, iliaj bezonataj fortoj perdiĝas en agoj multfoje senfruktaj, dum HEF, estas devigata al senpotenco por multaj entreprenoj kaj al misfunkciado por aliaj.

Sub tiu panoramo, miksaĵo el entuziasmo kaj malfacilaĵoj, disvolviĝis la agado de niaj Servoj kaj Sekcioj, kiun ni resumas sekve:

## ESTRARO

Pro diversaj kaŭzoj la nova estraro ne oficialiĝis ĝis komenco de ĉi tiu jaro, tial, la antaŭa devas provizore funkcii dum duono de la periodo ĉi tie raportata; feliĉe, kelkaj gravaj postenoj estas plenumataj de la samaj personoj kaj la marŝo de la Federacio ne multe interrompiĝis.

Por la venonta jaro kaj malgraŭ ke la nova estraro ne atingis la kompletigon de sia dujara estrarperiodon, devos esti elektata alia nova estraro laŭ, nia regularo.

## CENTRA OFICEJO

Grandan baron signifas salajrata oficisto kiu ne ricevas salajron interkonsentitan, sed tia malfacilaĵo ne estas la plej granda. Jam ĉiuj devas scii per la antaŭa jarraporto, ke nia sidejo troviĝas en privata domo de la kasisto, kie ne estas loko por labori, kaj ke la laboro estas farata en alia privata domo, kien la paperoj iras, pere de niaj kunvenoj, marde aŭ sabate. Estas, pro tio, neeviteblaj prokrastoj kaj forgesoj, multe pli se la afero pritraktita en iu letero postulas la intervenon de du aŭ pli da personoj. Malgraŭ tio, iras antaŭen la burokrataj aferoj de la Federacio kaj nur etajn plendojn ricevis la sekretariejo, de la komprenema kaj tolerema membraro.

Rimarkinda estas la alfluo de leteroj de multaj personoj el izolitaj vilaĝoj, kiuj petas informojn pri Esperanto. Tiuj leteroj demandas ĉiam la samajn detalojn pri Esperanto kaj sia movado, kaj pro manko da presita flugfolio, tiuj respondoj devas esti farataj maŝine, unuope, ripetante ĉiam preskaŭ samajn vortojn.

## BULTENO

Komence de ĉi tiu jaro eksiĝis S-ro Hernández kiel redaktoro. Alia grava problemo aldoniĝis a la multaj kiujn havas HEF. S-ro Hernández ankoraŭ redaktis la unuan nu-

meron de ĉi tiu jaro, ĉar ne estis trovita anstataŭanto; poste, kiel urĝa kaj provizora solvo estis nomata Redakcia Komitato sub la gvido de la Sekretario.

La nova redaktoraro enkondukis kelkanjn ŝanĝojn en la enhavo kaj projektas aliajn laŭ ricevitaj aŭ ricevotaj proponoj de la legantoj; ankaŭ pliboniĝis la prezentado— dank'al la novaj membroj—por kompensi la perdon de la lingva pureco, al kiu ni ĉiuj estis alkutimitaj, de la antaŭa redaktoro, kaj ankaŭ pro la nova kompostisto kiu ne k nas Esperanton kiel la antaŭa.

## ADMINISTRACIO

Se la provo farita en la nuna jaro pri elekteblaj kotizoj celis nur pliigon de la enspezoj, nun ni povas certigi ke tiu provo fiaskis, ĉar la membroj je plej altaj kotizoj, 54 je 100 pesetojn kaj 23 je 150, ne kompensas tiujn kiuj elektis la plej malaltan, je 25 pesetojn. Alia malfortika konto estas tiu por Helpanto-Sekretario, kiu ne atingis la bezonatan kvanton.

Tamen, kaj tial ke ne estas atendataj eksterordinaraj elspezoj, kaj daŭras la alfluo de novaj anoj, povas esti farata bona aŭguro pri normala disvolviĝo de la monaj aferoj, en la limigita kampo de nia budĝeto.

## FERVOJISTA FAKO

Tiu ĉi fako montris grandan aktivecon dum la pasinta jaro, per propagando kaj disvastigado de Esperanto inter hispanaj fervojistoj. Pli ol 3.000 flugfolioj estis presataj kaj disdonataj en la ĉefaj fervojstacioj de la Hispana Fervojista Reto.

Konsevence, la Esperanto-movado komencis esti konata de la oficistaro; multaj novaj membroj aniĝis al tiu ĉi fako kaj ĝia membraro duobliĝis dum la pasinta jaro kaj nun ĝi nombras pli ol 160 anoj.

Nuntempe oni deĵoras por okazigi la Internacian Kongreson Fervojistoj, dum venonta jaro, en Barcelona, kaj 18 hispanaj fervojistoj, kiuj partoprenos la IFEF-kongreson en Helsinki, prezentos peton al la kunveno por ke tio efektiviĝu.

## LIBROSERVO

La Zamenhof-jaro ankaŭ influis sur tiu grava fako de HEF. kaj la mendoj estis pli grandaj ol tiuj de ordinaraj jaroj. Tiu pliigo de la laboro koincidis kun la sanĝo de loko kaj peranto, kaj dum la reorganizado kaj adaptiĝo estis neeviteblaj misfukiadoj kiuj, iom post iom, malaperis. Nun, la mendojn oni plenumas tiel rapide kiel estas eble.

Grava evento estes la eldono de la Katalogo, kaj ĉar pli kompleta ol kutime, ne multaj povos imagi la grandan laboron bezonatan por fari ĝin.

## KURSOJ PER KORESPONDADO

Nia agado dum la lasta jaro estis tre simila al tiu de antaŭaj jaroj.

Al niaj Kursoj aliĝis, dum la periodo kiun ni prezentas, 80 novaj gelernantoj, disitaj tra nia duoninsulo. Kelkaj dekoj finis la studadon kaj ili ricevis la koncernan diplomon.

Laŭ nuna leĝo, la Ministerio de Nacia Edukado publikigis en la Oficiala Ŝtatbulteno, distribuon de senpagaj kursoj de la Centroj de Lernado per Korespondado; al ni respondis 5 senpagaj Kursoj destinitaj al personoj kun malmultaj studrimedoj.

Ni daŭrigis la publikigadon de reklamoj en la nacia gazetaro. Ankaŭ rekte, dum la lasta jaro, ni sendis preskaŭ mil informprospektojn.

Alifoje ni volas profiti la okazon por peti al ĉiuj legantoj, la diskonigadon de niaj Kursoj inter siaj geamikoj; ege ni ekspertis ke la plej efika propagando estas tiu farita por la esperantistoj mem.

**La Prezidanto, D-ro. RAFAEL HERRERO** **La Sekretario, ANGEL PEREZ**

# HISPANA KRONIKO

GIJON.—Laŭ informoj de S-no J. Ordieres el la E. G. «Jovellanos», la 15-an de aprilo finiĝis elementa E-kurso kaj komenciĝis supera kurso. Inter la gelernantoj regas granda entuziasmo, ĉar ili jam spertis la utilecon de Esperanto per korespondado kun eksterlandanoj ĉar tiamaniere ili trovis geamikojn kun samaj pensoj kaj sentoj. La supera kurso komenciĝis tre sukcese kun 20 gelernantoj, sub la gvido de la prezidanto de la Grupo, S-ro A. Menendez, ĉiam juna kaj bonhumora

Dum marto la grupo aranĝis kaj finis, sukcese, ŝakturniron inter la grupanoj. Oni intencas aranĝi alian ŝakturniron kiam finiĝos la supera kurso. Ekzistas granda intereso inter la partoprenontoj por trafi ĉampionecon de la grupo kaj gajni la premion.

CASPE (Zaragoza). — Informas S-no M. Manteca ke en tiu urbo ĵus finiĝis la unua Esperanto kurso kaj jam komenciĝis la dua kun pli ol duoblo da lernantoj.

La lokaj geesperantistoj jam estas amikiĝintaj kun samideanoj el Grupo «Frateco» de Zaragoza, kiuj promesis viziti Caspe-n kiel eble plej baldaŭ, por pasigi kune agrablajn horojn de kamaradeco.

VALENCIA.—Dum la lastaj semajnoj la valencia klubo estis vizitata de diversaj eksterlandaj samideanoj. Inter ili ni devas mencii ges°jn. Taylor, el Alsbury (Aŭstralio), kaj ges°jn. Wiltshire, el Auckland (Novzelando). Ili faris, pere de radioprogramo, bonan propagandon por la ĝenerala aŭdantaro, kaj belajn projekciojn de kolorbildoj, por la valencia samideanaro.

La valencia junularo pli kaj pli vigliĝas. La kurso, gvidata de sam° R. Vizcaíno, ĵus finiĝis, kaj la ekzamenoj pruvis la kontentigan nivelon de la kursanoj. Por tion celebri, la junularo disvolvas ekskursan (alisencan!) aktivecon, en la belajn valenciajn ĉirkaŭaĵojn, kaj ankaŭ instruajn vizitojn en la muzeojn.

Regas granda intereso por la partopreno en la venonta kongreso en Pontevedra, kiu, tutcerte, estos okazo por grava renkontiĝo.

BENIPEIXCAR-GANDIA (Valencia). —S-no R. Moral sendis al ni novajn sciigojn pri la Esperanto-movado en sia urbo.

En dimanĉaj kunvenoj de la loka grupo de «Klubo CCC», oni dediĉas kelke da tempo por klarigo kaj lernado de Esperanto.

En akademio «Cervantes», kies direktoro estas S-ro Moral, funkcias Esperanto--kurso, kiun partoprenas 35 lernantoj de la 3-a kaj 5-a abiturienta kurso.

Ankaŭ interesiĝis pri lernado de Esperanto, la studentoj por Nacia Instruisteco.

Tra radiostacio de Laborista Instituto el Gandía, oni faris plurfoje propagandon kaj disvastiĝon, kiel preparo por Esperanto-kurso, kiu estos elsendata de tiu radiostacio en la venonta kurso. Inter la aŭskultantaro regas intereso pri tiu iniciato, kiel oni povis rimarki.

S-ro Moral ankaŭ sciigas nin pri la granda intereso al Esperanto interne de la «Klubo CCC», kaj pri ebla renkontiĝo de esperantistoj apartenantaj al la klubo, dum la sesa CCC-kongreso en Valencio venontan Julion.

---

VIVO SAMIDEANA

Nian 7-jara infana membro Jaume Molera Urgellés, ricevis la Sanktan Sakramenton de la Eŭkaristio en urbo Moyá la 26-an de mayo 1960. Korajn gratulojn al li kaj al liaj gepatroj.

---

NI RICEVIS...

...ĵurnalon «Jaen» de 23-4-60, kun interesa artikolo, verkita de la sendinto, S-ro Alfonso Escamilla el Linares (Jaén).

...revuon «Estrella de Mar», de Aprilo 1960, kun artikolo tre dokumentita kaj favora pri Esperanto, verkita de la sendinto, Patro Adrian Zulueta, S. J., el Comillas (Santander).

...ĵurnalon «Información» kun raportaĵo pri nia eminenta Esperanto pioniro S-ro Vicente Inglada Ors, komencanta en numero de la 24-a de aprilo, daŭrigata en numero de 1-a de majo kaj finata en numero de la 8-a de majo. Apud la teksto aperas fotoj. Inter ili, foto de S-ro Inglada apud D-ro Zamenhof. Sendis tion Rodolfo Canet, el Alicante.

# ITALUJO BELA LANDO

*Vojaĝi estas vivi pli.*—La laboraj devoj malebligis nin partopreni nian brilan Kongreson en Málaga, kaj, tiam, ni ekpensis partopreni Esperantan Kongreson, malgraŭ ĉio. La arta itala urbo Fireza, vokis nin, kaj ni komencis niajn aranĝojn por viziti la XXX-an Italan Kongreson de Esperanto kaj iomete rondiri la landon. La jara renkontiĝo de la itala samideanaro okazis de la 19-a ĝis la 25-a de septembro, pasintjare, kaj ni forlasis Barcelona-n la 13-an de la sama monato.

La reto de Delegitoj de UEA faciligis la aferon, kiel ĉiam, kaj ni ekiris, kun antaŭplanita vojaĝo, kiu certe tre glate realiĝis.

*Genova, mediteranea urbo.*—Tra ĉi tiu vizitinda urbo, tre afable akompanis nin f-ino Marisa Arata, ĝentila samideanino kiu ankaŭ tre flue parolas hispanan lingvon —granda konsolo por mia edzino!—. La haveno, la mara promenejo, la marista kvartalo kun mallarĝaj stratoj —tipaj en ĉiuj havenurboj—, kaj, speciale, la mondfama tombejo, altiris nian atenton. Ni tranoktis en pensiono ESPERANTA-DOMO, en dormoĉambro mendita de la loka UEA Delegito, s-ro G. Sartorio.

Sekvantan tagon ni alvenis en Pisa, kaj tie ni admiris la kliniĝintan turon, certe vera mirindaĵo. Post mallonga restado ni direktis nin al la Eterna Urbo, pere de rapida kaj komforta vagonaro.

*Preskaŭ tri mil jarojn de historio.*—Detale priskribi Roma-n estas ne ebla laboro. La itala ĉefurbo estas interesega laŭ ĉiuj vidpuntoj. Ni restis en ĝi unu semajnon kaj ni vizitis la ĉefajn bazilikojn, la





restaĵojn de la Roma Imperio, la katakombojn de Sankta Sebastiano, la Fontanon Trevi, k. t. p. Ĉefe, ni dediĉis nian atenton al la Vatikana Urbo kun la impona Baziliko de Sankta Petro kaj la mondfama muzeo. Dum nia restado en Roma, ni loĝis en trankvila kaj konvena pensiono (tie ni koincidis kun aliaj esperantistoj: du brazilanoj, kaj japana profesoro), laŭ antaŭ mendo de la agema itala pioniro, S-ro Luigi Minnaja, Direktoro de la Esperantaj dissendoj de Radio Roma.

*Al la Kongreso.*—Sabatan posttagmezon, kune kun la familio Minnaja kaj japana samideanino edziniĝinta kun itala samideano, ni direktis nin de Roma al Firenze; vagonare, ni veturis 4 horojn. En la kajo mem, gemembroj de la L. K. K. akceptis nin kaj ni eniris en Esperantujon. La Kongreso bone sukcesis kaj ni multe ĝuis dum ĝi, speciale, pro la fakto ke ni havis la okazon saluti multajn malnovajn geamikojn, kiujn mi konis, antaŭ kelkaj jaroj, en la urbo Como, okaze de alia itala kongreso de Esperanto.

La kongreseroj estis allogaj kaj amuzaj: Vespera renkontiĝo en luksa kaj centra kafejo; Sankta Meso kun prediko en Esperanto, farita de Patro Giacinto Jacobitti, O. P.; solena inaŭguro de la Kongreso en Palaco Vecchio —urbodomo—, sub prezido de la lokaj aŭtoritatoj, kaj kun belega prelego de Profesoro Giorgio Canuto, Prezidanto de I. E. F. kaj U. E. A., kaj salutado de preskaŭ 15 eksterlandaj reprezentantoj, inter ili, mi mem, nome de H. E. F.; Zamenhof-vespero, omaĝe al la aŭtoro de Esperanto; Vespero en Es-

**(daŭrigota)**




**Baldur Ragnarsson: ŜTUPOJ SEN NOMO.**—Prologo de J. Régulo Pérez.—Dekoracioj de Pablo Picasso.—Kovrilo de John Hartley.—Vinjeto de Mads Stage.—STAFETO: Beletraj Kajeroj, 1.—J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1959.—19 x 12 cm.—128 paĝoj.—Prezo: 60 pesetoj.

La meritplena eldonejo STAFETO, kiu jam aperigis 15 dikajn librojn sub la titolo «Bel-literaturo Eldonserio» komencas nun alian serion «Beletraj Kajeroj de Stafeto» en pli malgranda formato kaj malmultenombra paĝaro, sed, nek malpli interesa nek malpli grava por la ĉiam kreskanta Esperanta literaturo, kaj tio ja estas kutima ĉe ĝi bele prezentata.

«Ŝtupoj sen Mono» estas la titolo de la unua kajero, originale verkita de islandano Baldur Ragnarsson. Formas la volumon tri ŝtupoj, entenente po 22 poeziaĵojn. La aŭtoro, bone konata de la legema esperantistaro, estas plenformata poeto: li regas la rimon kaj ceterajn metiajn rimedojn, kiujn li ofte elegante malestimas. Liaj temoj estas variaj, profundaj (vidu XVII, XXIII), pensigaj, modernaj kaj malfacile kompreneblaj; estas kelkaj pecoj, forme mallongaj kaj funde pli ampleksaj ol multaj longaj poemoj.

Prezentas la libron kaj la aŭtoron prologo de J. Régulo Pérez, vere priliteratura eseo, dum kiu li faras la historion de la odiseo travivita de la verko ĝis la publikigo, kaj ornamas la paĝojn 4 dekoracioj de Picasso.

Ĝis tie-ĉi, nur oni povas laude paroli pri la verko; sed mi bedaŭras la mankon de glos'kaj not'tabeloj klarigontaj kelkajn vortojn kaj aludojn, ekzemple, la grekajn vortojn sur la 59a paĝo.

En la du lastaj pecoj de la tria ŝtupo, la aŭtoro ne uzas la apostrofon kiam li elizias finaĵon de nomo, sed li uzas ĝin en la elizio de la artikolo. Kial? Mi ne ŝatas tiun kontraŭfundamentan novaĵon, kiun mi opinias tute senutila. Ĉiuokaze, ĝi estas pli necesa ĉe la nom'ol ĉe la artikolo: *domen* povas esti elizio kaj signifi *domeno,* aŭ adverbo de movado kaj signifi *al domo;* dum *L* ne povas esti alia vorto ol *la.*

Sed tio estas malgranda nigra punkto en tutkolora bela bildo.

**Retto Rossetti: PINTA KRAJONO.**—Antaŭvortoj de Geraldo Mattos.—Dekoracioj de Paul Klee.—Kovrilo de John Hartley.—Vinjeto de Mads Stage.—STAFETO: Beletraj Kajeroj, 2.—J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Tenerifo, Kanariaj Insuloj, 1959.—19 x 12 cm.—128 numeritaj + 8 nenumeritaj paĝoj.—Prezo: 60 pesetoj.

La dua kajero konsistas el poeziaro de Reto Rosseti, kun enkondukaj vortoj de Geraldo Mattos kaj 4 ŝercaj desegnĵoj de P. Klee kaj arta kovrilo de J. Hartley.

La poezio de R. Rosseti estas sincera, simpla kaj bela. Li uzas variajn formojn, sed ĉefe, li elstaras en tercetoj (vidu belegan «La stumpaj arboj») kaj en rondeloj. Kurioza kaj trafita estas traduko de A. H. Clogh kun kvin variantoj, laŭ la stiloj de kvin el niaj plej famaj poetoj. Mi ne forgesu citi belan tradukon de la Hispana fablo de Iriarte «Urso, Simio kaj porko». Sed, kial la aŭtoro ne tradukas la titolon kaj li nomas ĝin «Kritiko»? Aliaj fabloj diversdevenaj ankaŭ aperas en la kajero.

«Jubilea Rapsodio», estas versa Historio de la Universala lingvo, el genezo al 1905 (Bulonja Kongreso), kiu certe povos uzi la klubajn solenaĵoj. «Mestizo de la mondo», lasta parto, la plej filozofa, estas aro da dek-sep rondeloj, kiel mi jam diris, perfektaj.

Tiun verkon kompletigas du tabeloj: Notoj kaj Glosoj.

Jen du libretoj, atingeblaj de ĉiuj monrimedoj. Mi gratulas la eldonejon kaj esperas ke, ne forgesante la ampleksajn librojn, ĝi oftigos la aperon de la nova interesa serio «Kajeroj».

*Amalia Núñez Dubús*

---

RAVENNA.—Esperanta gvidlibro. Dua eldono. Bele eldonita libreto 32-paĝa, kun esperanto-teksto kaj multaj fotoj, parte multkoloraj pri itala urbo Ravenna. Senpage ricevebla de Esperanto-Grupo. P. Anita Garibaldi, 1. Ravenna (Italujo) aŭ Azienda Autonoma Di Soggiorno e Turismo. Via XIII Giugno 2a. (Italujo).

*List auf Sylt.*—12-paĝa ilustrita faldprospekto kun germana teksto kaj aparta esperanta traduko pri la mondfama marbana kuracloko, sur insulo en la Norda Maro. Informojn senpage haveblaj de Kuverwaltung. List auf Sylt (Germanujo).

KASTELO MUNCHENWILER apud Murten-Morat. 6-paĝa faldfolio pri Feriaj

kultur-Semajnoj : Esperanto kaj Geonismo. Interesuloj povas skribi al D-ro William Perrenoud. Faubourg Gare 13. Neufchâtel (Svislando).

KORESPOND - AMIKOJ POR PACO PER ESPERANTO. Libreto kiu enhavas portreton kaj adreson de pli ol 200 gejapanoj kiuj deziras korespondi, interŝanĝi, ktp. Oni povas aliĝi per pago de 5 rkp. al Societo de Korespond-Amikoj. 1432 Kamiŝidami. Morijamaŝi. Aliĉi-Ken (Japanujo).

---

**Tibor Sekelj: NEPALO MALFERMAS LA PORDON—Originale verkita en Esperanto. Postparolo-leksikologia komentario de J. Régulo Pérez.—kovrilo de John Hartley.—Kun trikolora faldkovrilo, biografio de la aŭtoro, geografia karto kaj 3 koloraj tabuloj. —STAFETO: Popularsciencia eldon-serio N-ro 2.—Eld. J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuluoj, 1959.—Presis «Joŝe Moŝtriĉ» Ljubljana.—23. 5 x 15, 8 cm.—216 paĝoj.—Prezo: 180 pesetoj.**

Jen la libro kiu daŭrigas la Popularsciencan edonserion, kiu komenciĝis per la «Vivo de la Plantoj» de P. Neergaard. La libro *Nepalo malfermas la pordon* gvidas nin al misterplena lando, Nepalo, kiu, ĝis antaŭnelonge estis fermita por eŭropaj vizitantoj. La aŭtoro priskribas la landon, ĝian eventoplenan historion, budisman mitologion, morojn, arton, ktp. La libro estas jam antaŭ apero tradukita, el esperanta manuskripto, en la anglan, serban, slovenan kaj hispanan lingvojn kaj, certe, ricevos vastan eĥon tra la mondo.

La fama esploristo kaj esperanta pioniro, per ĉi tiu libro pruvas sian kapablon por verki interesplenajn librojn, kiuj respegulas liajn observadojn dum interesaj vagadoj en misterplenajn landojn. Kaj ni povas daŭre imagi ke ni vizitas kaj observas tiun kolorriĉan terason de la mondo, kie oni najbaras la ĉielon kaj povas konsideri la homajn problemojn tra tute alia prismo ol la nia. Ni ne forgesu ke tiu lando estas la naskiĝloko de Budao, la senkompara filozofo kiu unuigis a mondon, antaŭ dudek kvin jarcentoj. Kaj, sub alia vidpunkto, gravas rememori ke ankaŭ tie, sed en la nuntempo, naskiĝis la fama «serpo» Tenzing, kiu, unuafoje, akompanata de Hillary, venkis la, ĝis tiam, negrimpeblan Evereston.

Malmultaj landoj povas esti tiel allogaj kiel Nepalo. Kaj tre malfacile ĝi povas esti pli bone kaj vive priskribita ol de Sekelj.

Vere, «Nepalo malfernas la Pordon», devus esti titolita : «Sekelj malfermas la pordon de Nepalo».

*Dr° R. Herrero*

CIRKULEROJ.

De la 38-a Internacia Foiro de Padova (Italujo), kun invito por partopreni ĝin.

De Internacia Foiro de Poznam, kiu anoncas starigon de Esperanto-informejo en tiu foiro.

De Brazila Esperanto-Ligo, kun sciigo pri eldono de nova poŝtmarko, kun portreto de la aŭtoro de la Internacia Lingvo.

Rimarkebla estas la fakto ke jam estas la sepa pm. eldonita rilate la Internacia Lingvo Esperanto aŭ Zamenhof.

---

## ¡KUNLABORU, GESAMIDEANOJ!

Relegante la Hispanan Kronikon, kiun publikis nia «Boletin» el la pasintaj monatoj mardo-aprilo, kaj, kiel eĥo de la sentoj de la Redakcia Komitato, mi permesas al mi skribi tiujn-ĉi liniojn kun la sama celo animi ĉiujn ; ĉar, per la helpo kaj kunlaboro de ĉiujn, oni respegulos en «Boletin» la aktivecon de la malgranda, sed klera, hispana esperantista familio.

Gesamideano : kiam mi skribas tiujnĉi liniojn, mi rememoras kuriozan ekzemplon, kiu venas al ni «kiel ringo al la fingro», kiun mi transkribas laŭ litere, kiel ekzemplon por la alvoko de la Redakcia Komitato.

«La formiko alvenis la lasta, trenante malgrandetan sableron.

La moko ekĝeneraliĝis ĉe la bestaro pro la grandega kunhelpo donita de la formiko ; tiam la reĝo Salomono silentigis la ridojn per tiuj-ĉi vortoj : Dankon al ĉiuj miaj bonfarantaj bestoj, dankon al ĉiuj pro via sindona kunhelpado ; sed, danko speciala estu donata al vi, eta formiko, ĉar per via helpo, vi plene montris, ke ĉiu povas laŭ siaj fortoj kunhelpi iun ajn aferon ; vi, estas vero, alportis nur malgrandan sableron, sed oni ne forgesu ke, tiel agante, vi pleumis, vian devon, kaj ke multaj sableroj faras aron, aŭ eĉ aregon.»

Mi ne estas kaj malnova samideano, sed nova aŭ de la lastaj, sed, tamen, kiel mia deziro estas ka la propagado de la Internacia Lingvo estu efika kaj efektiva, tio-ĉi faras min skribi tiujn liniojn kaj pri ĝin oferi mian modestan kunlaboron, aŭ aliamaniere, mia sableron, al la Redakcia Komitato.

A. Rico

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton. Gajnintoj de 5 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 20-a de Aŭgusto.***

SOLVO DE LA ENIGMO NUM. 2

HORIZONTALE : 2, Verto. 3, Tio. Buo. 4, Rajto. 5, Boato. Ulano. 6, Morusoj. 7, Vera. Leki. 8, Triumfo. 9, omaeT. uljaF. 10, Kojlo. 11, Lit. Teo. 12, Arkeo.

VERTIKALE : 2, Biero. 3, Tro. Mal. 4, Amata. 5, Vorto. Rekta. 6, Aortito. 7 Eroj. Juki. 8, Tusemul. 9, Obolo. Floto. 10, Ajloj. 11, oeN. Aro. 12, OtkaF.

Sendis korektajn solvojn : A. Escamilla, F. Aliaga, L. Puig, R. Albero, E. Maynar, F. Amorós, J. Martínez, V. Santamaría, A. Kirch Kaj, A. Ugalde.

ENIGMO NUM. 3
*Krucvorta enigmo de J. Devís*

Sama figuro aperinta en núm. 2 (120).

HORIZONTALE : 2, Malhumila. 3 (Rad), Sangosuĉa parazita insekto, kiu moviĝas per altaj saltoj. Maceri tekseblan planton en likvaĵo. 4, Subteni k firmigi objekton pere de alia. 5, Ornamita metala rondo, distingilo de suvereneco. (Rad) Rebati opinion per trafaj argumentoj. 6, Danĝera rabisto. 7, Plenumu agon. Taĉmento de soldatoj. 8 (Rad), Akra k mordanta moko. 9 (Inv), Perei per sufokiĝo en akvo. Senkolora tre venena gaso, formita de karbono k nitrogeno. 10, Translokigos ion. 11, Malaserti. Poseda adjektivo. 12, Estanta en alta loko.

VERTIKALE : 2, Babili dissemante malicaĵojn. 3, Prep. esprimanta celon. En la estanta tempo. 4, Kuglego. 5, Rilata al mola kuirita miksaĵo el lakto, ovoj k sukero. Provizis per bataliloj por ataki aŭ defendi. 6, Pinta ambaŭtranĉa mallonga pikarmilo. 7, Korna akstremaĵo de la buŝo de la birdoj. Batilo. 8, Streĉo de la vizaĝaj muskoloj, kiu misformas la trajtojn. 9 (Rad), Muzika ritma eta melodio. Ekstrema. 10, Nur laŭ la ekstera aspekto. 11, Moviĝu de iu loko al alia. (Inv) Vorteto por insisti pri la nedifiniteco. 12, Neforigebla desegnaĵo enpikita sub la haŭto.

TRADUKA KONKURSO NUM. 1

Ni ĝojas pro la kvalito kaj nombro de la ricevitaj tradukoj, sed, bedaŭrinde, ni nur povas premii unu solan.

Eleckti la plej bonan estis por ni malfacila tasko, fine kun la helpo de elstaraj samideanoj el nia valencia rondo, ni elektis jenan tradukon, sendita de S-no J. Herp el Barcelona.

EL DIANTO, KIES BEL'
IGAS POMPA LA GARDENON,
ASPIDO ĈERPAS VENENON ;
FARAS MIELON ABEL'.

Al S-no Herp ni sendos la premion.

Noto : kvamkam ni intencis ripeti la konkurson, ni ne povis pro spacomanko.




—Nun vi ne povas akuzi min, ke mi tiras asojn el la maniko!

## ULTIMAS NOTICIAS DEL CONGRESO

A los muchos e interesantes actos organizados para la celebración de nuestro congreso de Pontevedra, hoy, y como última vez que nos ponemos en contacto antes del mismo, debemos añadir la proyección de una magnífica película en colores sobre Australia, hablada totalmente en Esperanto.

Para facilitar a los congresistas la asistencia a todos los actos, se les entregará un plano de la ciudad con indicación de los distintos lugares en que éstos se han de celebrar.

Hasta el momento de preparar este número, se han inscrito más de doscientos congresistas.

De Valencia se anuncia la salida de dos autocares, y otros de Barcelona, Bilbao y otros lugares.

Advertencia a los que reservaron habitación :

Deben enviar el dinero de la reserva, pues de no hacerlo se arriesgan a que sea anulada.

*Importante:* Por inadvertencia, en el aliĝilo no había lugar para indicar el domicilio de las personas inscritas. Rogamos a los que no han recibido contestación de Pontevedra que escriban manifestando su dirección.

## "VOJOJN DE LA PACO" 1960 EN HISPANIO

La internacia pacista movado «Pax Christi» aranĝis, ĉijare, en Hispanio, la jam internacie konatajn «Vojojn de la Paco», en kiuj partoprenas gejunuloj el diversaj landoj kaj lingvoj. Oni facile komprenas ke en tiu ĉi medio, tre bone oni povas propagandi Esperanton. Eĉ ekzistas en «Pax Christi» oficiala sekretariejo de Esperanto.

La «Vojoj» komenciĝos en diversaj lokoj de Katalunio : Seo de Urgel, Puigcerdá, Poblet, Tarragona, k. t. p., kaj finiĝos, kunfluante, en Montserrat kaj Barcelono. La datoj fiiksitaj estas : de la 19-a ĝis la 30-a de aŭgusto.

La prezo estas 1.050 pesetoj kaj aliaj 100 pro la aliĝilo. En la prezo estas inkluzivitaj la nutraĵoj kaj noktrestadoj.

Povas partopreni gejunuloj almenaŭ 20-jaraj aŭ pli aĝaj.

Skribu al Pax «Christi» : Jovellanos, 9, 2.º. Barcelona (1), petante detalojn.

*La Sekretario de Esperanto*
de "Pax Christi"

## KONGRESANOJ

**Helpu Boletin kaj gajnu premion!**

Ni bezonas taŭgajn fotojn por publikigi en nia kongresnumero de BOLETIN, kaj por instigi la fotistojn sendi al ni la plej bonajn, ni starigas konkurson.

Povas partopreni ĉiu kongresano per sendo de unu aŭ pluraj fotoj pri la kongreso en Pontevedra.

La formato estu minimume 6×9, prefere 9×12, la fotoj devas atingi la redakcion antaŭ la 20-an de aŭgusto.

La plej bonajn fotojn ni publikigos en BOLETIN kun indiko de la aŭtoroj, al kiuj ni sendos du ekzemplerojn de la kongres-bulteno.

Unua, dua kaj tria premio konsistas el libroj.

**ATENTU:**

La Sekcio por Medicinaj Aparatoj de granda mondfirmo Philips intencas presigi informajn presaĵojn en Esperanto por dissendo el esperantistaj medicinistoj en la tuta mondo. Ĉiuj esperantistoj estas petataj sendi taŭgajn adresojn de esperantistaj medicinistoj de ĉiuj fakoj (profesoroj, kuracistoj, studentoj, flegistoj, farmaciistoj, vendistoj de medicinaj aparatoj k. t. p. de ambaŭ seksoj) al :

Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, DEN HAAG, Nederlando, kiu kompilos la adresaron kaj helpos por la dissendo de la presaĵoj.

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos recibidos desde el 21 de Abril al 15 de Junio de 1960)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 1.770 | Ptas. |
| A. Pérez - Valencia | 5 | » |
| J. López - Cullera | 40 | » |
| J. Iranzo - Bilbao | 100 | » |
| Grupo Esperanto - Cheste | 90 | » |
| F. y P. Busian - Palencia | 10 | » |
| J. Gironés - Barcelona | 25 | » |
| E. Wolf - Santa Cruz Tenerife | 25 | » |
| L. O'Brien - Alburquerque (USA) | 24 | » |
| L. Colás - Badalona | 30 | » |
| I. A. Ramírez - Huete | 20 | » |
| P. Marqueta - Zaragoza | 15 | » |
| M. Pinilla - Zaragoza | 15 | » |
| J. Guzmán - Valencia | 30 | » |
| Suman | 2.119 | » |

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959